MAJO 1937
Prezo: 15 senoj

NUMERO 30.
Kvara Jaro

# tempo

tempo 昭和11年6月20日 第三種郵便物認可 昭和12年5月25日印刷納本 昭和12年5月25日發行 (毎月1回25日發行) 第30號

Redaktoroj: *Seija Iĉiki, K. Kanja, K. Kondo, S.H. Macujama, Y. Nozima, K. Akata, M. Ootani, K. Sisido, S. Toda, K. Uno.*
Administranto: *S. Nakahara.*

KYÔTO, 25 MAJO, 1937.
Redakcio kaj Administracio: Librejo Kaniya, Teramati Ebisugawa, Kyôto, Japanujo
Internacia poŝt-ĉek-konto, Osaka 23404

ABONPREZO
Jarabono enlanda. . . . . . . . 1.20 jenoj
Jarabono eksterlanda. . . . . 1.50 jenoj
aŭ 10 respondkuponoj

# D-ro Hideo Jagi kaj S-ro Syûzi Nakahara al la Jubilea Kongreso en Varsovio!

Estas granda ĝojo, ke ni povas sciigi al tutmondaj samideanoj vojaĝon de du fervoraj esperantistoj al Eŭropo.

Dro Hideo Jagi estas famkonata en Esperantujo tra la lando. Li restas unu el la plej laboremaj kaj fidelaj samideanoj de antaŭ 20 jaroj, kiam, nia movado estante mizera, malhelpoj de la registara flanko ĝenis niajn pionirojn kaj esperantistoj naivaj ĉesis lerni kaj propagandi Esp. pro potenca atako same kiel okazas en kelkaj landoj.

Li naskiĝis en familio de samurai, studis en liceo en Osaka, lia naskurbo, eniris en la Trian Nacian Kolegion en Kioto, kaj finis kurson de Medicina Fakultato en Imperia Universitato de Kioto. Li preferis ginekologian kaj obstetrikan studadon kaj serioza studado kronis lin per titolo "Doktoro Medicina" kaj ofico de vicprofesoro en la Universitato. Antaŭ kelkaj jaroj li translokiĝis al Okajama por okupi sin kiel profesoro en tiea Universitato.

Lia laboro en Kioto estas eterne neforgesebla. Li kreskigis sennombrajn esperantistojn en studenta rondo same kiel en urbana. Kiam li estis juna studento, profesoroj lin estimis kaj petis gvidi kurson de Esp. en la Universitato. Tiom da estimo li tenis tie, kaj samtempe en la urbo li estis lerta kaj agema gvidanto en la movado ĝenerale: dank' al lia senĉesa klopodado fervoraj kunlaborantoj aperis unu post alia.

Li diras: Mi havos honoron partopreni la Universalan Kongreson en Varsovio, kaj esperas labori por bone organizi la tutmondan medicinistan fakkunsidon, kaj faros du paroladojn specialistajn....

La alia de la duo, Sro Syûzi Nakahara, estro de la Librejo Kanija, ankaŭ vizitos Varsovion. Librejo Kanija estas, kiel vi bone konas, la eldonejo de la gazeto *Tempo.*

En 1922 la librejo eldonis Japan-Esp. Vortareton (kompilitan de Sanko Esp. Grupo). De tiam ĝi sinsekve eldonas esp. librojn kiuj sumiĝas ĉirkaŭ dekkvin. Tion ebligis, kompreneble, nelacigebla energio de la sinjoro. Librejo Kanija, aliflanke, estas fame konata en Japanujo kiel fekunda eldonejo de valoraj kemiaj libroj.

Sro Nakahara eniris nian movadon en 1918. En la sekvinta jaro li konatiĝis kun Sro Jagi, kaj de tiam ilia vigla agado manon en mano daŭriĝas. En 1919 li eldonis lernolibron de esp. verkitan de Dro Jagi. Ĝi tre vastskale vendiĝis tiutempe, kiam, post la mondmilito, ĉiuj homoj sopiris al internacia fratiĝo.

Pro diversaj kaŭzoj li ne povis vivi longan studentan vivon, kaj multe helpis la kreskiĝon de lia genio. Kiu unuafoje renkontas lin, eble trovos en li ion krudan, tamen ĝi estas tre aminda punkto de lia karaktero. Nun li estas preta viziti Varsovion. Liberalisto Nakahara eble estos la fokuso de la interesoj de la tutmondaj gesamideanoj. Atendu!

# Limigato kaj Senlimulo

—Ĉapitro el »La skeleto de filozofio pri religio«

de Kiyozawa-Mansi
Trad. K. Kanamatu

......Estas Mansi Kiyozawa kiu unuafoje ligis budhismon kun Hegel-filozofio. Kiyozawa, kiu konis Hegel profunde kaj amis lin laŭdire, provis interpreti religion filozofie. Kvankam li ne parolas rekte pri Hegel, tamen en lia verko "La skeleto de filozofio pri religio" (1892) vidiĝas, kiel estas rimarkeble jam el la titolo, la influo el de Hegel. Limigato kaj la Senlimulo estas identaj kiel en Hegel, ekster limigaton ne povas esti metata la Senlimulo. La movadoj aŭ aktivecoj de limigato disvolvanta sin al la Senlimulo estas finfine mem la agado de la Senlimulo. Sed tiu ĉi evoluo de limigato al la Senlimulo estas en Hegel, mondhistoria proceso, dum ĝi estas, en Kiyozawa, nur la proceso de l' saviĝo de individuo per budhismo......

Torii-Hakuroo: Meizi-Sisosi (Historio de l' ideoj en Meizi-epoko), p. 176-177.

1. *Limigato kaj Senlimulo.* Limigato kaj senlimulo estas du grandaj elementoj de l' penso ekde antikvaj tempoj. Klarigi ilian rilaton estas tre malfacile, tamen estas neniel rifuzebla ke la elementoj havas tre intiman rilaton kun si reciproke. Ni provu koncize klarigi ĉi tiun rilaton. Ĉiu aĵo estas tio, kio ĝi estas, per tio ke ĝi estas distingata el de aliaj aĵoj. *Omnis determinatio est negatio.* Sed distingado aŭ neado estas mem limigado. Do ĉiuj aĵoj de la universo estas *limigataj.* Sed kiel statas la tuta universo? Ĝi devas esti *senlima,* ĉar nenio troviĝas ekster la universo por limigi ĝin.

2. *Dependulo kaj Sendependulo.* Ĉiu limigato estas limhava, ĉar ĝi havas alian limigaton krom si kaj estas limigata de ĝi; kiel, A estas limhava ĉar ĝi estas limigata de B, kaj B estas limhava ĉar ĝi estas limigata de A. Tiamaniere, ĉiu limigato estas *dependa* de la alia pro sia limigateco. Do, ĉiuj limigatoj estas la *dependuloj.* Sed la senlimulo, limigata de neniu, estas la *Sendependulo.*

3. *Absolulo kaj Relativulo.* Limigateco aŭ dependeco estas rilato inter du aĵoj. Do ĉiu limigato aŭ dependulo estas *relativulo.* Sed la senlimulo aŭ la sendependulo, aliflanke, ne havas rilaton kun aliaj aĵoj. Do ĝi estas *la Absoluto.*

4. Unu kaj Multaj. Ĉar la Senlimulo ne havas kunulon kun si, ĝi estas la *unu;* dum la limigatoj, ĉar sennombraj, estas la *multaj.* Ni distingas inter la *unu* kaj *unuo.* Ĉiu limigato estas *unuo.* La tutaĵo el la unuoj estas la *unu.*

5. *Tuto kaj Parto.* La unu estas la *tuto.* dum unuo estas *parto* (de la unu). La tutaĵo el la *partoj* formas la *tuton* same kiel la tutaĵo el la unuoj formas la unu.

6. *Perfektulo kaj Neperfektulo.* La tuto estas la *perfektulo* kaj la partoj estas la *neperfektuloj.* Do la senlimulo estas la perfektulo kaj la limigatoj la neperfektuloj.

7. *Diagrama Esprimo.* La tutaj supraj dualecoj povas esti resumataj en la sekva diagrama esprimo.

Limigato = Dependulo = Relativulo = Unuo = Parto = Neperfektulo. Senlimulo = Sendependulo = Absoluto = Unu = Tuto = Perfektulo.

8. *Identeco de la du Elementoj.* Ĉu limigato kaj la Senlimulo estas el la sama substanco aŭ ne? Se ne, devus ekzisti substanco de la limigato krom tiu de la Senlimulo. Ĉi tio kontraŭas la difinon de la Senlimulo; ĉar, tiam, la Senlimulo devas esti limigata aŭ limhava. Do ili devas esti el la sama substanco. Sed la substanco de limigato ne povas esti identa kun tiu de la Senlimulo; nek la substanco de miliono aŭ biliono da limigatoj eĉ povas esti tiel. Nur la substanco de senlima nombro da limigatoj povas esti identa kun la substanco de la Senlimulo. Do devas ekzisti senlima nombro da limigatoj. Aŭ, en matematika esprimo:—

$$A \times \infty = \infty$$

9. *Organika konsisto.* La maniero aŭ strukturo, en kiu sennombraj limigatoj formas unu korpon de la Senlimulo, estas *organika konsisto.* Sennombraj unuoj estas neniuj sendependaj de kaj indiferentaj al si reciproke, sed estas dependaj de kaj neapartigeble ligitaj kun si reciproke. Ne nur tiel, sed per tiu ĉi dependeco kaj ligiteco mem, ĉiu unuo akiras siajn verajn ekziston kaj signifon. Tio ĉi estas plej facile komprenebla el la organizo de nia korpo; kies ĉiu parto, ekz. mano, estas dependa de, kaj nedisigeble ligita kun la resto de la korpo, kaj per tiu ĉi dependeco kaj ligiteco mem ĝi havas siajn ekziston kaj signifon.

10. *Korelativeco de Reganto kaj Regatoj.* Ĝar tiel estas la naturo de organika konsisto, kiam limigato volas konservi sian vivon aŭ karakteron, ĝi devas preni aliajn limigatojn kiel siajn organojn por subteni sin. Ekzemple, se limigato A volas elporti sian vivon, ĝi devas havi B, C, D, ktp., kiel siajn organojn, kaj, se B volas

# STRIGO BALBUTAS

S-ino Hellen Keller, miraklo de nuna jarcento, nun vojaĝas en varma akcepto tra Japanujo.

Ŝi jam havis multajn paroladkunsidojn al kiuj japanoj svarme kolektiĝis por aŭskulti ŝian misteran voĉon. Ili tre simpatias kun plena kompreno al ŝia triobla malfeliĉo; ili mem suferas de limigita funkcio de okulo, orelo kaj buŝo.

Japanan Savarmeo Storikas.

Pli ol cent oficiroj en la Japana Savarmeo ribelis kontraŭ la komandanto por starigi sendependecon okaze de vizito de iu oficiro amerika. Post kelkaj tagoj ili dissigis sin kaj revenis al siaj propraj tendaroj. La tuta afero ne ŝajnas kontentige solvita, malgraŭ fidelaj konsiliĝoj de ambaŭ flankoj.

elteni sian vivon, ĝi devas siavice havi A, C, D, ktp., kiel siajn organojn. Tio ĉi validas pri ĉiu ajn limigato. Alivorte, kiam ni prenas iun limigaton kiel reganton (por tiel diri), la tutaj aliaj limigatoj fariĝas liaj regatoj kaj servas lin; tiel ke, kiam ajn ni prenas unu tuton el reganto kaj liaj regatoj, ni akiras la universon aŭ la Senlimulon kun ĝi. La rilato, en kiu ĉiu limigato estas reganto kaj la tutaj aliaj limigatoj fariĝas liaj regatoj, ni nomas la *interdependeco aŭ korelativeco de reganto kaj regatoj.* Tiu ĉi estas la plej profunda rilato inter aĵoj religie konsiderata. Mi povus ankaŭ nomi ĝin la *rilato de la posedanto al la posedaĵoj,* per tio signifante ke, kiam ajn limigato estas rigardata kiel la posedanto, la tutaj aliaj limigatoj estas liaj posedaĵoj. Niavice, kiam iu el ni sentas sin kiel la reganton, ĉiuj aĵoj (vivaj kaj senvivaj) de la universo estas liaj regatoj; aŭ kiam li konas sin kiel la posedanton, ĉiuj aĵoj estas liaj posedaĵoj. Ke tio ĉi estas la vera naturo de aĵoj estas la problemo, ne nur de la profunda religia konvinko, sed ankaŭ de la komuna prudento. Ni prenu ekzemplon.




Supozu ke A, B, C, D, E estas la membroj de unu familio kaj ke ĉiu el ili povas fariĝi la reganto aŭ mastro de la familio.

(a) Kiam A estas la mastro, B, C, kaj D estas *liaj* filoj kaj E estas *lia* nepo.

(b) Kiam B estas la mastro, A estas *lia* patro, C kaj D estas *liaj* pli junaj fratoj, kaj E estas *lia* nevo flanke de pli juna frato.

(c) Kiam C estas la mastro, A estas *lia* patro, B *lia* frato, D *lia* pli juna frato, kaj E estas *lia* filo.

(ĉ) Kiam D estas la mastro, A estas *lia* patro, B kaj C estas *liaj* pli aĝaj fratoj, kaj E estas *lia* nevo flanke de pli aĝa frato.

(d) Kiam E estas la mastro, A estas *lia* avo, B *lia* onklo, C *lia* patro, kaj D *lia* onklo. Tia estas la reala sanga parenceco de familio. Retaĵo el sangaj rilatoj sternas sin super la membroj de familio. Neniu el la membroj povas eliĝi el la retaĵo, kaj se iu provas tion, li nur fariĝas la gvidanto kaj la aliaj membroj nepre sekvos lin. Apliku ĉi tion al la organikaj rilatoj de la universo, kaj ni akiros la ideon de la religia vivo de la *unueco de limigato kaj la Senlimulo.* Sed ni turniĝu al la alia punkto. Pri la rilato inter A kaj C. La absoluta rilato inter ili estas unu kaj la sama; sed relative, ĝi havas tute diferencajn aspektojn. Koncerne A, la rilato estas lia patra amo al C; dum, koncerne C, ĝi estas lia fila amo al A: ĉar, por A, C estas *lia* filo, dum, por C, A estas *lia* patro. La tutaj rilatoj inter la aĵoj de la universo estas similaj al tiu ĉi, simple pro la Leĝo aŭ la Rajto de la suvereneco de ĉiu limigato en la sistema organizo de senlima nombro da limigatoj en la unu Senlimulo. Tiom, mi pensas, sufiĉas por nun por igi miajn legantojn koncepti kiel la aĵoj (vivaj kaj senvivaj) de la universo estas samaj kun, kaj diferencaj de si reciproke; ĉiu egale ampleksas la senliman tuton per la absoluta rajto de suvereneco sed rilatas diversmaniere kun la aliaj membroj pro la leĝo de relativeco. La celo de religio estas efektivigi tiun ĉi rilaton en la plej hela konscio.

II. *Memekzerco kaj Alies Povo (aŭ Savo).* Troviĝas du diferencaj manieroj, laŭ kiuj limigato rigardas la Senlimulon. La unua maniero estas preni la Senlimulon kiel *potencialecon,* dum la alia estas rigardi ĝin kiel *aktualulon.* Tio ĉi estas simple laŭ la bezono de nia intelekto, pro kiu, kiam ajn ni ekkonas aĵon, ni devas aŭ preni ĝin kiel potencialecon (kiel semon) aŭ rigardi ĝin kiel aktualulon (kiel kreskaĵon). Do se ni prenas la Senlimulon kiel potencialecon, ĝi devas esti konsiderata kiel *nedisvolvita kapablo,* dum se ni rigardas ĝin kiel aktualulon, ĝi devas esti konsiderata kiel *disvolvita realo.* La potenciala kapablo devas ekzisti *interne de* limigato, ĉar ĝi ne jam aperis kiel la Senlimulo; dum aliflanke, la aktuala realo devas ekzisti *ekster* limigato, ĉar ĝi sin jam manifestis kiel la Senlimulo. Aplikante ĉi tion al la praktika flanko de religio, ni diras ke la unueco de limigato kaj la Senlimulo estas atingata aŭ per la *disvolviĝo* de la *interna* kapablo de la *limigato* aŭ per la helpo aŭ *graco* el de la *ekstera* aktuala Realo. La unua estas nomata la *Pordo de la Memekzerco* kaj la alia *la Pordo de la Alies Povo aŭ Savo.* La klarigo de la nomoj estas jena: la unua estas tiu en kiu la limigato estas devigata uzi sian propran povon por disvolvi sian potencialan kapablon, dum la alia estas tiu en kiu la limigato, sen uzi sian propran povon, estas kondukata al la Unueco fare de la Alies aktuala povo. Tiuj ĉi du pordoj estas la plej fundamenta distingo en religio. Se ni ne iras tra iu el tiuj ĉi pordoj, ni ne povas atingi la veran staton de religia vivo. Iu dirus ke estas nebezonaj la du pordoj, ĉar la Senlimulo, ekzistanta kaj interne kaj ekstere de limigato, helpus nin atingi la Senlimulon per la duobla influo de la potencialeco kaj la aktualeco samtempe. La respondo estas ke tio estas malebla, ĉar tio postulas nin havi la semon kaj la kreskaĵon en unu korpo samtempe. Ĉar la Senlimulo estas la Unu, ni devas preni ĝin aŭ por la Unu de potenciala kapablo aŭ por la Unu de aktuala realo; same kiel semo, kiam ĝi estas semo, ne povas esti rigardata kiel kreskaĵo, kaj kreskaĵo, kiam ĝi estas kreskaĵo, ne povas esti rigardata kiel semo. Alivorte, la tutaj aĵoj de la universo formas unusolan tuton, iliaj movadoj aŭ aktivecoj devas esti ankaŭ la movadoj aŭ aktivecoj de la *unusola* tuto. Tiel, en la pordo de la Memekzerco, ĉiuj movadoj aŭ aktivecoj en la universo estas rigardataj kiel la ago de *unu* individuo. Do estas jenaj diraĵoj: — Ĉiuj aĵoj estas la manifestaĵoj de animo; la tri mondoj, t. e. la universo estas nenio alia ol *unu* menso; kaj tiel plu. Sed en la pordo de la Alies povo, ĉiuj movadoj aŭ aktivecoj estas rigardataj kiel la agoj de la mistera Aliu. Do estas, en tiu ĉi pordo, jenaj diraĵoj: — la kredo estas donacata de la Preĝ-povo de la Budho Amido; la kredo estas la donaco el de la Alies Povo; kaj la similaj.

Populara scienco

# Rentgen-radioj

(3)

Nisikaŭa-Tojozoo

Antaŭ ĉio mi petas pardonon de legantoj, por la longa interrompiĝo de tiu ĉi artikolo pro mia persona afero. La karakteroj de rentgenradioj estas tiel interesaj, ke oni bezonos dikan libron por prezenti ilin detale. Sed, kiel mi diris ĉe la komenco, mi intencas fini tiun ĉi artikolon klarigante plu unu, du gravajn el ili.

## Sekundaraj radioj

Eĉ geknaboj bone scias, ke rentgenradioj trapenetras la materiojn tute ne-transparajn por lumradioj. Nu, kiamaniere rentgenradioj marŝas en la materioj? Ĉu kvazaŭ lumradioj en aero?

Karaj gelegantoj kredeble rememoros, ke mi jam skribis iom pri tio, kaj aldonis, ke neniu materio estas komplete transpara por rentgenradioj, nome kia ajn materio absorbas ilin iagrade. Denun, mi klarigu tiun ĉi fakton pli detale.

Kiam rentgen-radioj trafas al iu materio, iuj el ili senŝanĝe trapasas ĝin, kiel lumradio en aero. Sed iuj aliaj, trafante al atomoj en la materio, forpelas elektronojn el ili kaj perdas sian energion pro tio. Samtempe la atomo, kiu tiamaniere perdis siajn elektronojn, disradiigas rentgenradiojn de specialaj ondlongoj propraj por la speco de la atomo. Tia fenomeno estas nomata lumelektra efiko de rentgenradioj. La elektrono forpelita tiamaniere estas nomata lumelektrono, kaj la rentgenradioj naskitaj tiam estas nomataj sekundaraj karakterizaj radioj.

Estas rimarkinde, ke ondolongo de la originalaj radioj estas ĉiam pli mallonga ol tiu de la sekundaraj karakterizaj radioj. Klarigante tiun ĉi fakton, sciencistoj diras:— Kiam la ondlongo de rentgenradioj estas ju pli mallonga, la energio de ili estas des pli granda. La originalaj rentgenradioj perdas iom da energion por la lumelektra efiko. Sekve ilia ondlongo devas esti iom pli mallonga ol la sekundaraj karakterizaj radioj, laŭ la kvanto de la energio perdota.

Aliflanke, iuj rentgenradioj, kiuj trafas al elektronoj aŭ ŝargeroj inter la atomoj, ŝanĝas sian vojon al diversaj direktoj, simile kiel la sunradioj en nebulo disiĝas pro reflekto kaj refrakto de sennombraj akveroj. Tiun ĉi fenomenon oni nomas disiĝo de rentgenradioj. Ĉe la disiĝo, iuj radioj forpuŝas elektronojn, kaj pro tio ne nur ŝanĝas sian vojon, sed ankaŭ ŝanĝas sian ondlongon.

Tiamaniere forpuŝita elektrono estas nomata repuŝa elektrono. Estas nature, ke la ondlongo de la rentgenradioj, kiuj forpuŝis elektronojn, fariĝas pli longa ol la originala, ĉar ili donis iom da energion al la elektronoj. Tiel rentgenradioj perdas sian energion dum ili trapasas materion. Tio estas la absorbiĝo de rentgenradioj en preciza senco. Eĉ kiam tia absorbiĝo neniom sintrovus, intenso de la originalaj radioj malgrandiĝas iom post iom, dum ili trapasas materion, ĉar ili disiĝas al diversaj direktoj, same kiel sunradioj malintensiĝas en la nubo, kies akveroj mem estas tute transparaj.

Nun, legantoj komprenos la veran signifon de la fakto, ke neniu materio estas komplete transpara por rentgenradioj. Nome, por rentgenradioj preskaŭ ĉiu materio estas kvazaŭ nubo, nebulo, lakto, parafino ktp., por lumradioj. Do, la vorto absorbiĝo estas ne precize trafa por signifi la malintensiĝon de la rentgenradioj en materio.

La sekundaraj karakterizaj radioj kaj la disigitaj radioj estas kunkune nomataj sekundaraj rentgenradioj, kaj dume oni nomas la originalajn la primaraj rentgenradioj.

Iam oni nomas sekundaraj radioj inkluzive ankaŭ la lumelektronojn kaj la repuŝajn elektronojn krom la sekundaraj rentgenradioj.

Nu, kian rolon ili ludas en la praktiko? Mi prezentu unu ekzemplon rilatanta al rentgenfoto, pri kiu mi skribis antaŭe.

Kiel legantoj jam bone konas, rentgenfotaĵo estas nura omblobildo de iu objekto. Sekve ĝi emas perdi detalon kaj kontraston kompare al ordinara fotaĵo. La sekundaraj radioj pliigas tiun ĉi malbonan emon, ĉar ili disradias el diversaj punktoj en la objekto, en diversaj direktoj tute senorde kaj sendepende al la direkto de la primaraj radioj, kaj iuj el ili falas sur la ombla parto, kien la primaraj radioj ne falas.

Tiamaniere, la rentgenfotaĵo fariĝas pli malklara. Bildo 7-a skeme montras tiun ĉi fenomenon.



*bildo 7*

Kiam ni rentgenfotas maldikan objekton ekz. manon, tia fenomeno estas ne tiel rimarkebla, sed ĉe dika objekto ekz. stomako, intesto, kokso la rentgenfotaĵoj fariĝas malklaraj pro disradiado de la sekundaraj radioj, kvazaŭ ni vidas ilin tra nebulo.

Nun, tia malklarigo venas de tio, ke la direktoj de la sekundaraj radioj, kiuj falas sur la filmo, estas tute sendependaj al la direkto de la primaraj radioj. Se ni malpermesas la falon de la sekundaraj radioj, kies direkto estas ne sama kun la originala, ni povas savi la rentgenfotaĵon de tia malklariĝo. Por tiu ĉi celo, oni uzas specialan kradon nomatan *bucky-diafragmo. Ĝi konsistiĝas de sennombraj maldikaj, folietoj de plumbo kaj ligno firme kunmetataj paralele, kaj aspektas kvazaŭ unu plato.

Kiam ni metas ĝin antaŭ la filmo, la plumbaj folioj malhelpas la falon de malbonaj sekundaraj radioj sur la filmo, kaj la lignaj folioj trapasigas nur la radiojn, kies direkto estas sama kun la primara. Bildo 8-a montras kiamaniere la bucky-diafragmo funkcias praktike.



*bildo 8*

Ĉar la plumbaj folioj malpermesas ankaŭ la trapason de la radioj, kiuj estas necesaj por fari la ombrobildon, nature aperas iliaj ombrostrekoj en la bildo rentgenfotata.

Do, ni movas la diafragmon en unu direkto rektangula al la strekoj senhalte dum la tempo de ekspono, por eviti la aperon de tiaj strekoj. Bildo 9-a montras praktike uzatan aparaton, en kiu la bucky-diafragmo estas aranĝata kun la maŝino por movi ĝin.



*bildo 9*



*bildo 10 (a)*



*bildo 10 (b)*

Fine mi aldonu la bildon 10-a, en kiu vi vidos kiel la rentgenfoto (a) farigas pli klara dank' al la utiligo de bucky-diafragmo (b).

(Finota en sekvonta numero)

* Elp. bukki, la nomo de la elpensinto.

## Korekto

Mi ricevis afablan leteron de la aŭtoro s-ro Nomura. Ĝi diras, ke mia artikolo, en kiu temas pri la historio (Tempo, p. 159), estas tute malĝusta. Li bonkore atentigis al mi la punktojn kaj la tendencojn malbonajn. Mi legis la artikolojn, refoje zorgeme kaj atenteme kaj trovis, ke mia sinteno ne estis erara. Tamen, mi korektas jenon. Bonvolu legi "la libreto ne havas ekzistkialon" anstataŭ "la libro ne havas ekzistrajton." "Pli bone sciiĝi" jen estas unu el la ĉefaj celoj de esperantismo. La komenco: legendo el dia epoko. Enhavo: meto el unuopaj "gravaj okazaĵoj", sen la kaŭzeca ligo inter ili. Jen la libro. Ĉu ĝi povas—mi ne diras, ĉi-foje "rajtas"—vivi inter ni, kiuj ĉiam penas "pli bone sciiĝi"?

Hattori-Tooru

# Pri "Sôbô"

Lastatempe en japanujo aperis kelkaj tre rimarkindaj filmoj kiuj sufiĉe montras la altnivelecon atingitan de japana kinematografio. Sôbô estas unu el tiaj filmoj. Antaŭ jam kelkaj monatoj ĝi unuan fojon publikiĝis, samtempe kun la publikiĝo de la fama filmo "Die neue Erde" de D-ro Arnold Fanck kiu ĉie kaŭzis inter inteligentuloj mokon kaj mallaŭdon. Dume, Sôbô, direktita de bofrato de la ĉefaktorino de "Die neue Erde," estis preskaŭ unuanime aplaŭdata pro la penetranta kompreno al la aktuala socivivo, pro la senkompara realismo. Ĉiuj kritikistoj asertis ke ĝi estas la plej eminenta filmo ĝis nun aperinta, kaj la difektserĉanto nur povis trovi mankon en tio ke la ĉefaktorino estis tro bela kaj netaŭge klerŝajna.

La vorto Sôbô estas prenita el la ĉina klasikaĵo "Mjencu," kaj signifas "popolon." Originale ĝi estas la titolo de novelo premiita je Akutagaŭa-premio, kiun, tamen, multe superas la filmo. Popoloj, elpelitaj el sia hejmloko pro mizero, popoloj elmigrontaj Brazilen aspirante peceton da tero por kulturi, pecon da vivo sekura.

Kamparanoj sen tero, eturbanoj mizeriĝintaj, ambiciaj malriĉjunuloj, plendaj maljunulinoj, naivaj geknaboj .......... La filmo prezentas ilian kolektivan vivon dum unu semajno en la elmigrantarejo de Kobe (granda griza konstruaĵo kie oni donas al elmigrontoj necesajn disciplinojn). Scenoj disvolviĝas laŭ taglibrmaniere, tagon post tago, ĉiam kun diversaj vivpecoj de homamaso. Kvankam ĝi havas propran historion, sed, tamen oni prave ĝin taksos plene kiel "Kolektivfilmo" aŭ "Amasfilmo" Ni povas aserti ke ĝi estas la unua, tamen tre eminenta kaj sukcesa kolektivfilmo.

La verkisto de novelo "Sôbô" rakontis ke tiutempe pli ol mil elmigrantoj ĉiumonate elmigris al Brazilo. Kia cirkonstanco do forpelis ilin el kara hejmloko? Neniu parolas pri tio elokvente, neniu diras agitvortojn supraĵajn. Sed oni nepre sentas senperan simpation al ili. La produktisto de ĉi filmo neniam kritikas, li nur pentras realisme, senmensoge, sed, post ĉio, kia penetranta kritiko! "Ĉu iam antaŭe aperis tiel sama vidpunkto al la socicirkonstanco inter japanaj filmoj?"

Sato-Nacu, vilaĝa filmo el la Orientnorda provinco kie regas senhalta mizeriĝo de kamparanoj manĝantaj ofte eĉ sovaĝherbojn laŭ onidiro, estis antaŭe laboristino en iu fabriko.

Ŝi elvenis el sia vilaĝo por elmigri, pro juneca ambicio de sia frateto, kiu nenion sciis pri ŝia amo kun iu junulo. Nenion sciiginte al sia ardeamata karulo, ŝi forlasis vilaĝon kun frateto, kaj fariĝis surnoma edzino de iu samvilaĝano por laŭleĝiĝi. Filmo komenciĝas ekde ilia alveno al Kobe. En la grizan konstruaĝegon de Elmigrantarejo. Ĉambroj destinitaj. Simplaj vilaĝanoj interkonatiĝas varmkore, kaj unu al la alia serĉas certigi sian esperon por estonteco. Krio de infanoj, plendo de maljunuloj, kiuj neniel ŝatas malproksimiĝi de sia hejmloko. Infanoj nur ĝojas ke ili veturas vaporŝipe kaj huras ke ili manĝas blankan rizaĵon, kion ili povis manĝi nur ĉe funebro.

Ĉe la Korpekzameno ili nur timas ke oni malpermesos ilin elmigri pro malsano aŭ sandifekto. Patroj rapidantaj apliki medikamenton al sia infano ĉe angulo, vilaĝano plore petanta al kuracisto elmigrpermeson (malpermesite, kien reiri kaj kiel vivi!?), kaj trankviliĝon de ekzamensukcesintoj k.t.p.

Ĉiun tagon, Nacu nur pensis al sia karulo en hejmvilaĝo jam tamen preskaŭ rezignante, en koro larmon verŝante. Dume, ŝia frato instigite de sia ambicio, kaj tute ne sciante pri ŝia amo, lernis fervore brazilan lingvon kaj geografion. Tamen, hazarde li eksciis pri tio ĉi, kaj al ŝi promesas ke li per ĉia peno ŝin revenigu japanen post unu jaro.

Infano mortis, eble ĉar li tro avare manĝis dolĉan blankan rizaĵon, kaj forportita en ora aŭto. Iu estis arestita subite, forlasinte siajn edzinon kaj infanojn. Kverelo inter junuloj, senzorga plezurado de infanoj.

La frato de Nacu sciiĝis ke neniel oni povas reveni de Brazilo post nur unu jaro, kaj petis al ŝia fratino ŝian liberan konduton. Tamen, Nacu jam ĉion rezignis, kaj tiu vespere ŝi ŝanĝenskribis en la leteron al karulo; "atendu tri jarojn ĝis mia reveno,se vi volas" anstataŭ unu jaron.

Venis la lasta vespero en la elmigrantarejo. Drinku! Kantu! Dancu! Estas la lastaj vesperoj en japanlando! Drinku! Kantu! En tuta konstruaĵo pleniĝis provinckantoj, popolkantoj, kaj ĉie oni ronddancis!

Kaj fine venis la mateno de enŝipiĝo. Nacu, korŝirite, tamen humile obeante sian destinon eliris el la pordo. Nun ŝi rezignis ĉion, kaj mute marŝas kun sia frato al kajo. Sed post ŝia enŝipiĝo alvenis por ŝin restigi kaj kun ŝi edziĝi ŝia amato. Li rapidis al la kajo, nur tro malfrue. Ŝipo ekmoviĝis. Nacu, ne povante plu deteni sin je la vido de sia karulo sur kajo, sin ĵetis en la kajuton. Kriego de homoj forigis ŝian plorkrion. Bruo de helico laŭtiĝis.

Jen supra estas skizo de ĝia historio. Sed, kiel mi jam diris, la signifo de ĉi tiu filmo ne estas en tia historio, sed en tio ke ĝi pentras realisme "homamason," en tio ke en japana kinematografio unuan fojon traktis la aktualan vivon de malsupera popoltavolo tre sukcese. En ĉiu sceno oni parolas tre sukcese distriktajn dialektojn, kaj aktoroj ludis tiel senkompare ke neniu pensos je la unua vido, ke ili estas aktoroj profesiaj. Mi aŭdis ke, ĉiu aktoro laboris plej fervore kaj sindediĉe dum la unu jaro bezonata por ĝia produktado.

En ĉiu senco, la filmo devas esti rimarkata pro sia multflanka problemeco.

# Rakonto pri fremdlandanoj.

Ori. D-ro. Tokutaro Jasuda.

D-ro Jasuda finis sian kurson en la medicina fakultato de Imperia Universitato de kioto kaj fariĝis docento de interna medicino de la universitato.

Lia tro liberalista kaj demokratia ideo ne plaĉiĝis al la aŭtoritatularo de la universitato. Do li forlasis la universitaton kaj iris al Tokio proksimume en la jaro 1928-a. Nun li praktikadas kiel kuracisto kaj verkadas tie. Tiu ĉi rakonto estas pri la okazo, kiam li esploradis fremdul-malsanulojn en Tokio. Tiu ĉi epizodo malkaŝas la fremdlingvan problemon en nia lando.

Granda Tokio estas ja internacia urbo. Eĉ kuracisto kiel mi renkontas fremdlandanojn de tempo al tempo en mia okupo. Kaj la rasoj estas diversaj. Diagnozo kaj terapio de fremdlandanoj ne estas speciale malfacila. Ĉar fremdlandanoj ne estas malsamaj en anatomio, fiziologio, patologio kaj ne havas alian malsanon ol japanoj. Sed estas tre malfacile, ke en unua diagnozo ni demandas pri anamnezo kaj stato de malsano. Precipe la lingvo tre embarasas nin. Iun tagon altkreska, tre bela, en ĉina kostumo vestita virino venis, kun infano sub la brako. Tiu ĉi virino estas dandema japana virino en ĉina kostumo, mi pensis. Kaj mi alparolis japane, sed ŝi komprenis nenion. Laŭ la diro de servistino akompaninta ŝin, klariĝis, ke ŝi estas studentedzino el manĉurio. Mi petis interpreton al la servistino.

Sed ŝi murmuris, "mi dungiĝis antaŭ nur kelkaj tagoj, tial mi povas kompreni nenion."

La edzino paroladis en manĉurilingvo, sed mi komprenis tute nenion.

Iel klariĝis, ke ŝi deziras, ke mi diagnozu la infanon. En malnova tempo oni nomis pediatrion muta medicino. Tio ĉi signifas, ke infano ne povas paroli pri sia stato. Sed anstataŭ infano patrino parolas anamnezon kaj staton de infano, do kuracisto povas diagnozi kaj terapii. Tamen nun nek infano nek patrino povas tute paroli, sekve ankaŭ mi povas fari neniel. Mi tute embarasiĝis. Antaŭ ĉio mi ne povas sciiĝi la nomon. Iu flegistino saĝe nomis ĉi tiun manĉurian infanon, suĉinfano de manĉurio. Ni penis ĉiel per manoj por sciiĝi aĝon, sed vane. Ĉiuokaze estas ne dubinde, ke ĝi estas suĉinfano. Laŭ stato de dentkresko mi supozis ĝin ĉirkaŭ unu jara post la naskiĝo. Tiel, tute vane mi penis demandi la staton japane. Kompreneble tiu ĉi agado estas tute sensenca. Do mi demandis angle, mallerte, sed ŝi ne povis kompreni min. Mi ĉesigis demandon kaj komencis diagnozon. La infano estas aminda kaj saneme dika. Ĝi sidetadis. La tondmaniero de kapoharoj estis tute simila al *karako* de malnova tempo kaj vere konvena al Manĉurio. (*Karako* estas la pupo importita de Ĉinujo. Ĝi estis vaste favorita en malnova tempo, kiel franca pupo en nuntempo.) Kiam ni estis infanoj, ni imitis la kapon de *karako,* mi rememoris. Kaj malgraŭvole mi sopiris al mia estinteco. Nu, la malsano estas nek influenco nek bronkito, ĉar troviĝas nek malbonaĵoj en ĉi brusto, nek febro. Ree mi havis intencon demandi japane "Kio estas ĉi tio? Mi pensis ĝi estas sorĉaĵo, kiu neniam troviĝas en Japanujo. Okaze de malsano de infano, se ĝi ne estas bronkito, pleje ĝi estas dispepsio aŭ intestoinflamo. Per tiu ĉi komuna saĝo de kuracisto kaj laŭ ungvento ĉe umbiliko mi iel aldonis ricinan oleon, medikamenton por haltigi diareon kaj plie ekspektorigilon por certigo. Kaj mi diris, ke ili venu morgaŭ. La sekvintan tagon la manĉuria belulino ne venis. Ankaŭ la duan tagon ŝi ne venis. La trian tagon venis la manĉuria belulino kaj la infano akompanante modernan junan sinjoron.

Tiu ĉi juna sinjoro estas la patro de la infano. Vidinte min, li salutis min en flua japana lingvo kaj dankis min ĝentile por la plena resaniĝo de sia infano. Ricevinte dankon, mi iomete humiliĝis.

Kompreneble mi ne povis kuraĝe diri, ke tio estis neatendita feliĉo.

Laŭ lia diro li naskiĝis en Hejlungkjang-ŝeng kaj lernadas de antaŭ kelkaj jaroj en japana universitato. "Antaŭ nur du monatoj mi venigis mian edzinon al Japanujo, tial ŝi ne povas kompreni japane, li klarigis."

Plie li diris, "Japanujo estas bona por vivi. En mia naskiĝloko ĉina kuracarto estas pli prospera ol eŭropa kuracarto. Ankaŭ tiu ungvento de umbliko estas ia speco de ĉina kuracarto."

Trad. T. Hosokaŭa.

# Muziklando

*Kantato per esperanto*

S-ro Emil Mueller, komponisto en Prago, elkomponis kantaton por soloj, ĥoro kaj orkestro, laŭ la poema teksto de D-ro Zamenhof. Ĝi publikiĝos ĉe la venonta universala kongreso en Varsovio.

*Dueto de majstro kaj disĉiplino*

D-ro Paul Weingarten, profesoro de fortepiano ĉe Tokio Muzika Kolegio kaj F-ino Sonoko Inoue, lia disĉiplino ludis ĉe du fortepianoj en la 10a de majo, vespere. Jen, el la programo:—

| | |
|---|---|
| Sonato en D maĵ. | Mozart |
| Rondo en C maĵ. | Chopin |
| Ŝerco | Yasuzi Kiyose |
| Danco | Bun'ya Koo |

*Gil-Marchex en Tokio*

Franca pianisto S-ro Henri Gil-Marchex kvara foje venis al japanujo kaj ludos en la 27a kaj 28a de majo en Tokio. En la unua vespero, li ludos muzikojn de Chopin kaj Debussy, kaj en la dua muzikojn de diversaj komponistoj modernaj.

*Beethoven-ciklo finiĝis*

La Nova Simfoniorkestro, kiu estis ludanta simfoniojn de Beethoven unu post la alia, fine ludis la 9an simfonion en la 5a de majo ĉe Hibiya kunvenejo, Tokio. Ĝia 4a parto estis disaŭdigata de JOAK.

*Smetana muzeo*

Por la memoro de Smetana, la mondfama komponisto de Ĉehio, oni

fondis Smetana-muzeon en la urbo Prago. Pejzaĝoj ĉirkaŭ la muzeo estis tiel amataj de li, ke li komponis la 6 simfonipoemojn inspirite de ili.

*De Berlino al Parizo, de Parizo al Londono*

En la fino de aprilo, Berlina Filharmonia Orkestro ludis ĉe Opera Teatro en Parizo, sub la bastoneto de S-ro Furtwaengler. De la 26a de aprilo ĝis la 5a de majo, anoj de Opera Teatro de Parizo ludis operojn de Dukas kaj Gluck en Londono, por gratuli la kronadan ceremonion.

*Weingartner direktos en Tokio*

Maljuna direktisto, S-ro Felix Weingartner estas invitata al japanujo in Japana-Aŭstria Societo. Li direktos la ludadon de la 9a simfonio de Beethoven en la 3a de junio ĉe Hibiya kunvenejo, Tokio.

*La unua ludo de "Pastralo" de S-ro Matudaira*

La "Pastralo" por orkestro, komponita de S-ro Matudaira, japana komponisto, estas unuafoje ludita de la Simfonieto San-Franciska en Ameriko, kaj akiris bonan reputacion. Antaŭe la muziko estis elektita de S-ro Tcherepnine, el multaj komponaĵoj por lia premio.

*Yamada al Germanujo*

S-ro Kosaku Yamada, kiu direktis la muzikon por la parolfilmo "Nova Tero", baldaŭ vizitos Germanujon, por direkti la muzikon por la filmo "Filino de Diplomato" de D-ro Fank. En la dramo F-ino Setuko Hara ludos la heroinon.

*Paul Becker mortis*

S-ro Paul Becker, fama kritikisto de Germanujo, mortis ĉe Novjorko, Ameriko. Antaŭe li estis forpelita de NAZIS al Ameriko. El liaj verkoj fame restas; "Beethoven" "Simfonioj de Beethoven ĝis Mahler", "Nova Muziko" "Socia Valoro de Germana Muziko", "Muziko kaj Eroso", "Germana Muzikvivo" ktp.

(Majo 1937, TJZ)

---

**KARA SAMLINGVANO!**

En Leningrada Asocio por Instrua kaj Scienca kinematografio estas organizita esperanta sekcio.

Nia tasko estas pruvi utilecon de esperanto sur kampo de instrua kinematografio. Sukcesa solvo de tiu-ĉi tasko havos grandegan signifon por nia movado en U. S. S. R.

Do ni varmege petas Vian kolegan helpon, kiu tutplene estos rekompencota niaflanke.

Ni atendas enketrespondojn, literaturon pri instrua kaj scienca kino, bibliografiajn kaj sciencesplorajn sciigojn k. t. p.

Nia adreso: U.S.S.R.
Leningrado—3. Postkesto 532.
Esperanta Sekcio de Leningrada Asocio por Instrua kaj Scienca Kinematografio.

**Informo el Komerca unio, Germanujo**

Tre estimata sinjoro redaktoro.

Por ebligi al niaj Agentejoj en Portugalio la daŭrigon de la laboroj kaj por havi pli vastan agadkampon, Komercista Esperanto Unio decidis daŭrigi la laborojn sub la nova nomo

Komerca Unio

kaj ni petas, informi pri tio viajn legantojn respektive noti nian novan nomon.

Ni ĝojas ke ni jam povas raporti pri kelkaj sukcesoj:

1) La Industria kaj Komerca Ĉambro, Dresden, konsentis, publikigi en sia bulteno demandojn pri varoj alvenintajn ĉe ni.

2) La firmo Gordon-G. m. b. H., Dresden A. 1, Postfach 6 eldonas prospekton pri treege taŭga motoro en E. (Oni multnombre postulu la prospekton kaj faru propagandon por la motoro!)

Ni uzas la okazon, danki sincere por la alsendo de specimenaj gazetoj kiuj estas por ni treege valoraj. Ni petas daŭrigi la alsendon, ni certe interŝanĝos kun LA KOMERCO post ĝia reapero.

Vivu la praktika laboro, ĉar en la nuna realista mondo nur praktikaj rezultoj faras impreson.

Samideane Komerca Unio
Ranft
Direktanto.

Radebeul, 15. 4. 1937

---

Laŭleĝe deviga teksto japanlingva

定價 一部金拾五錢 (送料五厘) 一ヶ年送料共金壹圓貳拾錢
昭和12年5月25日印刷
昭和12年5月25日發行
TEMPO 編輯, 發行者 中 原 脩 司
京都市寺町夷川上ル常盤木町46
印刷者及印刷所 仙臺市國分町88番地 笹氣印刷所
發行所 國際時事新聞社 京都市寺町夷川
電話上2555 振替大阪41036, 23404